


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIª, XVII.)
CAMOENS

**4a jaro Novembro 1934 N-ro 42**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## ATENTU

**Sendu ĉiam viajn korespondaĵojn al APARTADO DE CORREOS N.º 1.089, MADRID. Gazetoj faru same po DU EKZEMPLEROJ.**

**Enviad toda clase de correspondencia al Apartado dicho anteriormente.**

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# ASOCIACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## Balance de fondos correspondiente al tercer trimestre de 1934

### DEBE

| | |
|---|---|
| Existencia en 30 de junio de 1934 | 1.658,12 |
| Ingresado por subvención del Ministerio de la Gobernación | 2.500,00 |
| Idem por ídem del Ministerio de Instrucción Pública | 4.500,00 |
| Idem por venta de folletos e insignias | 163,80 |
| Idem por suscripciones de 1934 | 48,60 |
| Idem por ídem de 1935 | 19,00 |
| Idem por ídem al BES-a Adresaro para 1935 | 15,00 |
| SUMA EL DEBE | 8.905,42 |

### HABER

| | |
|---|---|
| Alquiler de casa y gratificación a la portera | 320,00 |
| Gastos de Secretaría | 306,40 |
| Personal de Secretaría | 460,00 |
| Facturas de la imprenta de los Sres. Chulilla y Angel, por las revistas de julio a septiembre y otros impresos | 748,00 |
| Deducido en formalización por la Hacienda al hacer efectivo el libramiento de la subvención de 4.500 pesetas | 175,81 |
| Pagado a D. Jacinto Martín por rotulación de anuncios del Patronato Nacional del Turismo | 200,00 |
| Idem al mismo, en concepto de dieta para asistir al Congreso de S. A. T. en Valencia | 150,00 |
| Factura del Centro Gráfico, por grabados | 53,35 |
| SUMA EL HABER | 2.413,56 |

### RESUMEN

| | |
|---|---|
| Importa el Debe | 8.905,42 |
| Importa el Haber | 2.413,56 |
| Existencia en el día de la fecha | 6.491,86 |

Madrid, 30 de septiembre de 1934.—El Tesorero, *Julián Sosa*.—Intervine: El Secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

# AVISOS IMPORTANTES

**Como consecuencia del estado de guerra, la Asamblea de Delegados de H. E. A. queda suspendida hasta que las circunstancias lo permitan, comunicándose oportunamente la fecha de la celebración.**

**Exigiendo el editor del «BES-a Adresaro» el envío de las hojas de inscripción en los primeros días de enero de 1935, se hace saber que solamente serán incluídos en el «BES-a Adresaro» los «heaanos» que hayan enviado sus cuotas para 1935 antes del 31 de diciembre del año en curso.**

**H. E. A., preocupándose de proporcionar a sus miembros cuantas ventajas son posibles, ha encargado unos cuantos ejemplares del «Plena Vortaro» de S. A. T. para alcanzar la máxima economía, consiguiendo que dicho magnífico diccionario salga a todo heaano por VEINTIDOS PESETAS, comprendidos los gastos de envío certificado, ahorrando algo más de OCHO pesetas a quien lo interese. Los que deseen la obra giren dicha cantidad al tesorero, D. Julián Sosa, Gonzalo de Córdoba, 22, Madrid.**

---

## PRI U. E. A.

La Estraro de U. E. A. kunvenis eksterordinare en Ĝenevo, fine de septembro ĵus pasinta, por studi kaj solvi la urĝan aferon de la buĝeto; dum unu tuta semajno oni laboradis kaj oni konstatis:

Ke certe je la fino de la Asocia jaro (31 okt. 1934) la ŝuldo atingos almenaŭ sv. frk. 45.000;

ke ĉiujare la perdo pligrandiĝas, ĉar nur dum la 10 monatoj (1ª de novembro 1933-31ª aŭgusto 1934ª) la perdo atingas surpapere sv. frk. 20.000, kaj reale pli altan sumon, ĉar la aktivoj estis optimisme kalkulitaj;

ke U. E. A. preskaŭ ŝuldas al siaj liverantoj 25.000 sv. frk.;

ke la Prezidanto fojojn volis bremsi la disfalon deprenante el la

kapitalo, sed tamen la elspezadon, oni ne reduktis la elspezojn kaj la ŝuldoj kreskiĝis;

ke la buĝeto 1935 *por la internaj aferoj* antaŭvidis sv. frk. 58.000 da elspezoj, dum la enspezojn normale nur maksimume estos 40.000 sv. frk.; rezulte, nova deficito da 20.000 sv. frk., kiu aldonita al la nuna ŝuldo, t. e., al 45.000 sv. frk. sumas 65.000 sv. frk.;

ke, ĉar la *Asocia kapitalo* estas nur 25.000 sv. frk., se U. E. A. volus pagi ĉiujn ŝuldojn je la 31ª de oktobro de 1934, mankus ankoraŭ 20.000 sv. frk. (45.000—25.000); kaj se U. E. A. daŭrigus la antaŭan vivon ĝis la 31ª de oktobro de 1935 kun la preparita buĝeto, ankoraŭ mankus 20.000 sv. frk. pliaj.

Sed feliĉe por U. E. A., la Estraro enreligis ĝin sur novan vojon, kaj uzante ĝian *Garantian kapitalon* (laŭ art. 56ª), kiun formis la sumoj pagitaj de la Dumvivaj Membroj, laŭ postulo de la cirkonstancoj por eviti la dissolviĝon de U. E. A., la estraro solvos la danĝeran situacion, kaj U. E. A. daŭrigos sian firman vivon kaj progresados anstataŭ morti.

La financa stato je la fino de oktobro de 1934 estas proksimume:

| | |
|---|---|
| Asocia Kapitalo........................ | 25.000 sv. frk. |
| Garantia Kapitalo........................ | 31.000 sv. frk. |
| Entute................ | 56.000 sv. frk. |
| Ŝuldoj........................ | 45.000 sv. frk. |
| Restas................ | 11.000 sv. frk. |

Sed la Estraro helpata de la direktoro Kreuz, kies buĝetoj de I. C. K. estis ĉiam en ekvilibro, preparis kaj antaŭvidis buĝeton por 1935 nur 51.750 sv. frk., da elspezoj, kontraŭ enspezoj atingontaj eble iomete pli altan sumon. Kaj samtempe decidis ŝparojn, kiuj ĉefe estas:

Nur funkcios unu Direktoro; la redakcio de «Esperanto» estos senpaga tasko de la Centra Oficejo, kun kunlaborado de la membroj de la Komitato; malapero de premioj pro frupago; redukti oficejajn elspezojn; efektivigi internajn ŝanĝojn en la Oficejo.

Nun, do, de la membroj de U. E. A. dependas ĝia vivo kaj progresado, ĉar la ŝparoj ekvilibros ĝian buĝeton kaj trafos konservi la restantan kapitalon. Per restado de la nunaj membroj kaj varbado de novaj U. E. A. povos reviviĝi potence kaj ekentrepreni: serĉi aliajn monrimedojn krom kotizoj, per komercaj, turismaj, k. c., servoj; pliampleksigi siajn esperantajn servojn; intensigi la ĝeneralan propagandon por Esperanto.

Evidente estas, ke la antaŭa vojo kondukis U. E. A.n al pereo; evidente estas, ke la danĝeron oni apartigis en Stockholm, pro kio en la koro de la UEAanoj devas renaskiĝi konfidon. Ni ĉiuj estas devigataj apogi la laboron de la Estraro de U. E. A., kreskigi nian fervoron kaj varbi kiel eble plej multenombrajn novajn membrojn, pagi niajn kiel eble plej altajn kotizojn antaŭ ol ĉi tiu jaro finiĝu, atenti nur nian komunan aferon deflankigante ĉion alian.

Konsideru ciuj membroj de Hispana Esperanto Asocio, ke la nuna organizo de U. E. A. estas bazita sur la Naciaj Asocioj, kies membroj fakte estas ankaŭ de U. E. A., pro kio, por la plej bona kaj normala funkciado de U. E. A. ankaŭ estas nepre necesa tiu de nia Asocio; tial la heaanoj devos pagi siajn kotizojn por 1935 kiel eble plej baldaŭ, atentante ankaŭ ke H. E. A. donas avantaĝojn tre gravajn al la frupagintoj. Al ĉi tiu celo H. E. A. decidis:

PRORROGAR las condiciones ventajosas que en el número anterior se exponían para cuantos pagasen sus cuotas antes del QUINCE DE NOVIEMBRE DEL CORRIENTE AÑO HASTA FIN DE DICIEMBRE inmediato, condiciones que son:

PARA LOS ACTUALES MIEMBROS:

Cuota de 1935, 2 pesetas. Por pago para recibir los cuadernos de la «Helpanta Temaro», completando esta obra, y el «BES-a Adresaro» de 1935, 1,50 pesetas. En total, 3,50 pesetas.

PARA LOS QUE FUERON MIEMBROS Y REINGRESEN:

Cuota de 1935, 2 pesetas. Por pago para recibir completa la «Helpanta Temaro» y el «BES-a Adresaro», 3,50 pesetas. En total, 5,50 pesetas.

PARA LOS DE NUEVO INGRESO:

Cuota de 1935, por ser la primera, 2,50 pesetas. Por pago para recibir completa la «Helpanta Temaro» y el «BES-a Adresaro», 3,50 pesetas. En total, 6 pesetas.

La «Helpanta Temaro», con sus ciento y pico de páginas y gran profusión de grabados, el «BES-a Adresaro» y esta revista mensual, suponen un valor muy superior a las cuotas dichas.

* * *

Ni estis terure surprizataj de la ĵusa decido de H. E. A. pri altigo de la kotizoj por la jaro 1935 laŭ la jena poŝtkarto de ĝia direktoro, kaj traktinte la aferon en la oficiala kunveno de la Centra parto de la Direktanta-Komitato de H. E. A., konsciinte la neceson defendi la intereson de la heaanoj eĉ de U. E. A., en tute perfekta

akordo, la Komitato decidis ke la prezidanto sin turnu al la direktoro de U. E. A. per la letero kiu iras post la aludita poŝtkarto.

Via signo: Via informo de l' Nia signo: Kr/RR Dato: 3.11.34

Rilatas al: Administro/Kotizoj por 1935.

Tre estimataj samideanoj,

Ŝanĝo de kotizoj. Per tio ni informas vin por eventuala konigo al interesitoj kaj aliĝantoj pere de vi al nia internacia organizo, ke por la jaro 1935 ni estas devigitaj pli áltigi la prezojn pro plia senvaloriĝo de via valuto.
La tarifo por Hispanujo por 1935 estas :

| M.J. | M.A. | M.S. |
| --- | --- | --- |
| pes.8.- | pes.20.- | pes.60.- |

Ni tre dankos vin, se per energia varbado por nia asocio, kiu estas samtempe en via intereso, vi bonvolu subteni nin en nia nuna malfacila situacio.

Kun plej samideanaj salutoj

Madrido, la 13-an de novembro de 1934.

Al S-ro. R. Kreuz, Direktoro de U. E. A.—Genève.

Tre kara amiko: Ĝustatempe via poŝtkarto pri altigo de kotizoj nin trafis. Grandan ĉagrenon ĝi kaŭzis al ni, ĉar la altigo kontraŭstaras niajn laborojn, kaj ankaŭ ni ĝin konsideras ne justa, ĉar nia valuto malaltiĝis nur de la pasinta jaro (nov.-dec. 1933-nov. 1934) proksimume SEP centimoj, laŭ vi povas vidi per la oficialaj bultenoj de la Borso, kiuj estas tutvaloraj dokumentoj; krom tio ĉi, se nia valuto

estus falinta multe, ĉu la hispanoj ne meritus specialan kotizon, kiel aliaj samideanoj el aliaj landoj? La altigo perdigos tute certe monon al H. E. A., ĉar multaj UEA-anoj fervoraj, malnovaj kaj novaj, eksiĝos, jam hieraŭ mem, dum kunveno de la Direktanta Komitato de H. E. A., pritraktante ĉi aferon, elmontriĝis decido al eksiĝo de iuj.

Ni volas agi tute klare ĉiam, kaj en HISPANA ESPERANTO-GAZETO ni aperigos vian poŝtkarton kaj ĉi tiun leteron por ke la membroj de nia Asocio tute bone sciu ke ni, la Komitato, defendas ilian intereson ne malhelpanto ankaŭ tiun de U. E. A., laŭ ni elpruvadas, kaj konstatas ke, hieraŭ mem ni decidis enpresigi tutpaĝan anoncon en la Jarlibro kaj labori por daŭrigo de la anonco de l' Patronato Nacional de Turismo.

Mi esperas, ke vi bone atentos miajn dirojn kaj ke U. E. A. restigos por la hispanoj la kotizojn de 1934. Ni jam enspezis iujn kiujn oni pagis laŭ por ĉi jaro.

Kore restas via, *Julio Mangada Rosenörn*, Prezidanto de H. E. A.

## JUBILEO

La 13an de septembro 1909, dum varma posttagmezo, rapida vagonaro trakuris la belan kaj fruktedonan Aragonan ebenaĵon.

Vagonaro estas ĉiam pli-malpli *Babela Turo*, aŭ se vi preferas, *elmontraĵa foiro*, pro tio ke tre diversaj homoj, pro malsamaj aferoj vivas en ĝi dum kelkaj horoj, amikiĝas kaj poste disiĝas por neniam reciproke revidi.

Tiel ankaŭ okazis tiam: Inter aliaj homoj plenigantaj la vagonaron, estis fremdaj gesinjoroj, hispana (aŭ fremda) junulo kaj sinjorino kun juna fraŭlino, ambaŭ funebrevestataj.

Post aliaj temoj, la babilado venis sur la 5an Esperanto-Kongreso, ĵus okazinta, kaj el kie tiuj sinjoroj revenis, kaj la junulo interesita demandis pri ĝi. Tiam la plej aĝa sinjoro, homo noblmiena, post amika manpremo, laŭ franca moro, komencis lernigi al li, franc lingve, la unuajn regulojn.

Kaj tiam, neatendite okazis ke la funebrevestita junulino, ĝis nun silenta kaj neatentata, ĉar la interparolantoj eble pensis, ke ŝi ne komprenas la franca lingvon, interrompis por demandi kiel kaj kie ŝi povos lerni Esperanton.

La sinjoro, surprizita demandis al ŝi kie ŝi loĝas, kaj al ĝia respondo, li rediris; post rigardado al sia notlibro:

—En tiu urbo mi ne konas esperantisto; sed kiam vi deziros lerni, adresu vin al S-ro. José Albisu, en Zaragoza.

Tiu sinjoro estis la franca samideano Durieux, el Lille, kaj la ĵus varbita knabino, tiu mem kiu hodiaŭ, post longa kvarono da jarcento skribas tiujn liniojn.

Mi tiam estis tro okupita por lerni, ĉar mi iris al Madrido por suferi la akceptan ekzamenon en la Telegrafa Korpuso, sed ne forgesis la promeson. La sekvantan jaron amikino mia alkuris al privata kurso, klarigata de Piarista pastro, kies nomon mi ne rememoras, al eta aro da personoj. La amikino baldaŭ enuiĝis, sed ĝi pruntedonis al mi la libron (Inglada gramatiko), mi tradukis ĉiun temon, direkte kaj inverse, korektis al mi mem, per kio sufiĉe bone lernis kompreni kaj traduki, sed ne paroli.

En aŭtuno 1911 mi legis en la urbajn gazetojn anonceton pri grupo; mi varme aliĝis al ĝi.

Estus longe kaj seninterese por la leganto detali miajn unuajn paŝojn en Esperanta vivo, kiuj nun, kvazaŭ kaleidoskope aŭ kine rekuras antaŭ miaj okuloj. Kia emocio ricevi la unuan p-k., el tie malproksime veninte al mi (el Finlanda fraŭlino)! Kia nepriskribebla timo sendi la unuan tradukon publikigeblan! Kaj kia fabela triumfo vidi ĝin presita!

Esperanto donis al mi grandajn spiritajn ĝuojn, ĉefe du: verkado kaj korespondado. Per la dua mi povis kompreni kiel diversa kaj egala estas la homo en ĉiuj latitudoj. Per la unua mi havas malgrandan sed selektegan publikon, ĉar Esperantisto por la nura fakto tia esti, estas spirita kaj ideala homo; ni diru laŭmode «homo cent po cent»; la «homa homo» de Baghy.

Tiun gloran epokon fortranĉis brutale milito: Nia grupo malaperis, gazetoj ĉesis, gekorespondantoj silentis.

Kio estis al vi, la rusaj gestudentoj, la germanaj oficistoj, la ĉeĥa gazetistino, la franca ferlaboristo? Eble kuglego el aeroplano aŭ venena gaso tranĉis la fadenon de viaj plenidealaj vivoj... Eble vi savis hazarde el la buĉejo kaj hodiaŭ, kiel mi, vi rememoras pri tiu malproksima tempo.

El la centoj da homoj, al kiuj mi devas neforgeseblajn animajn plezurojn kaj dankon en mia esperantista vivo, mi nur mencios du, ĉar ambaŭ mortis: S-ro. Fermín Aldaz, la fondinto kaj prezidinto de nia grupo, tiel entuziasma kaj sindona al nia idealo, ke kiam li mortis, ankaŭ la Grupo mortis, kaj Inocente Colomina Endériz, juna verkisto, kies vrekaĵo estis mia unua traduko publikigita (en kunlaboro kun amikino).

Kaj nun, post dudekkvin jaroj, mi levu mian kapon, kun kelkaj blankaj hareroj, sen multaj iluzioj, sed malgraŭ ĉio: Antaŭen por Esperanto.

A. N. D.

# ACTA LIII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del 12 de noviembre de 1934, se reunió en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2), con asistencia de los miembros expresados al margen, la Junta Central Ejecutiva.

Se aprobó el acta de la sesión anterior.

Se tomaron por unanimidad los siguientes acuerdos:

1.° Suspender la celebración de la Asamblea de Delegados de H. E. A., en vista de las presentes circunstancias.

2.° Encargar a S. A. T. ejemplares de la «Plena Vortaro» para venderlos a los heaanos, quienes así los podrán adquirir con más economía que si directamente los compraran; el precio exacto de venta se publicará oportunamente en la revista, pero puede asegurarse que habrá una economía de unas ocho pesetas en cada ejemplar.

3.° Anunciar en el Jarlibro de U. E. A., en página entera, los libros de H. E. A.

4.° Cumplir los acuerdos ya tomados anteriormente de abonar dos suscripciones a A. E. L. A., adquirir dos ejemplares de «Universala Esperanto-Metodo de la *Benson-School of Esperanto*» (719, High Strato, Newark, N. Y. Usono), que cuesta cuatro dólares ejemplar, y adquisición de la corbata verde bordada para la bandera con el nombre de la Asociación en blanco.

5.° Inscribir en el «BES-a Adresaro» a los miembros que paguen la cuota de 1935 antes de fin de diciembre de 1934, bien entendido que la *inscripción* no significa para los miembros *derecho* a *recibir* el «BES-a Adresaro», sino que éste sólo lo recibirán los miembros que, además de la cuota, paguen la 1,50 pesetas para adquirir el «BES-a Adresaro».

6.° Contribuir con cien pesetas al homenaje nacional a la fuerza pública.

7.° Traducir y editar el programa íntegro del Congreso Esperantista de Roma, dado que la gran proximidad de Italia a España hará que muchos españoles, aun no siendo esperantistas, se interesarán por el Congreso.

8.° Dirigir una circular a los ex miembros de H. E. A. invitándoles a reingresar en la Asociación.

9.° Aprobar las cuentas del trimestre anterior, cuyas cifras globales aproximadas se leyeron en la anterior Junta.

10.° Abonar dos suscripciones al «European Herald» (110, Fleet Street, Londres, E. C. 4), que publica texto en Esperanto y en otros

cinco idiomas; una de las suscripciones será para la Hemeroteca Municipal de Madrid, como propaganda.

11.° Aprobar la contestación a una postal recibida de U. E. A. relativa a las cuotas para 1935, y cuyo facsímil se publica en este número; y

12.° Aprobar los nombramientos de vocales regionales de Galicia a favor de D. Manuel Fernández Méndez y D. Emilio Alvarez Prieto.

Con motivo de la adquisición por H. E. A. del libro *Amelia kaj Marina*, el autor presentó la factura del importe de la edición, que quedará archivada en la oficina, y que se abonará al autor a medida que se vendan ejemplares.

El presidente leyó una carta del secretario del Comité organizador del Congreso de S. A. T. en Valencia, en la que agradece la ayuda material y moral prestada por H. E. A. al Congreso.

No habiendo más asuntos de que tratar se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: el presidente, el tesorero D. Julián Sosa (que llevaba la representación del vicepresidente D. José Perogordo); los vocales D. Carlos de San Antonio y D. Fernando Molina; la bibliotecaria, Srta. Visitación Martín; el vicesecretario D. Jacinto Martín, y el secretario.

---

### ESPERANTISTA LINGVA KOMITATO

## OFICIALAJ SCIIGOJ DE LA AKADEMIO

RESUMO DE LA 5a CIRKULERO (OKTOBRO 1934).—1-e., S-ro. W. Bailey anstataŭis S-ron. Generalon Bastien (nuna prezidanto de UEA) kiel direktoro de «Komuna Vortaro».—2-e. La Akademio elektis gekorespondantoj f-non Lidja Zamenhof, d-ron Orengo, kaj s-ron R. Kreuz.—3-a. La Kongreso de Stockholm unuvoĉe esprimis la deziron ke la naciaj asocioj klopodu por prezenti kiel reprezentantoj de sia nacia lingvo en la L. K., la plej kompetentajn kaj fidelajn al la Fundamento, el siaj samnaciuloj.—4-e. En Stockholm okazis kunsido de la L. K. dum la kongreso; estis pridiskutitaj la periodeco de la aldonoj al la Universala Vortaro, kaj la Teknikaj Vortaroj.—5-e. La sekcio de kontrolo starigis *normajn lingvajn diplomojn* por determini la relativan valoron de la lingvaj diplomoj disdonitaj de naciaj asocioj kaj institutoj; oni publikigos tiujn normojn en la jarlibro de 1935.—6-e. La jarlibro de 1934 estas mendebla de la Centra Esperantista Librejo (11, rue de Sèvres, Paris). Ĝi kostas 2 fr. frk.

## ORIENTAL

De la luna a los reflejos,
a lo lejos,
árabe torre se ve;
y el agua del Darro oscura
bate pura
del muro el lóbrego pie.

—

Susurra el olmo sombrío
sobre el río,
dando al oído solaz;
y en los juncos y espadañas
y en las cañas
susurra el aura fugaz.

—

Se abre en la arena amarilla
de la orilla
vertiendo aroma la flor,
y las plumas de colores
en las flores
estremece el ruiseñor.

—

Vierte en gotas cristalinas
peregrinas
el rocío su cristal,
y en cada perla de plata
se retrata
el alcázar oriental.

—

Descorridas las sombrías
celosías
del calado torreón,
está en la árabe ventana
la sultana
murmurando una canción.

—

Y en la atmósfera serena
libre suena
la melancólica voz,

## ORIENTAJO

De la lunheleco limen,
ne proksimen,
elvidiĝas maŭra tur';
de la *Darro* akvo pura
ombre nura
batas bazon de la mur'.

—

Ombra ulmo milde bruas,
suben fluas
la rivero: ĝoj' al aŭd';
en la delikatajn trunkojn
ĉiajn, junkojn,
de la milda vent' jen plaŭd'.

—

Kaj odoras floro rava
ĉe la flava
sabl' de l' bordo de l' kanal';
super ĝiajn la parfumojn,
siajn plumojn
jam ekskuas najtingal'.

—

Estas kvazaŭ larmoj brilaj,
tre subtilaj,
de la roso la gutar';
la palacon gut' spegulas,
vent' ĝin lulas;
en ĝi, bild' de l' alkazar'.

—

Ĵaluzioj malfermataj,
delikataj,
de belornamita tur';
sultanin' ĉe l' alimezo,
jen tonmezo
ja de ŝia kantsusur'.

—

Kaj ĉe l' atmosfer' serena,
sendetena
voĉ' aŭdiĝas kun tro sent';

y abajo en la yerba verde
al fin se pierde
con la ráfaga veloz.

---

Y al compás de su garganta
raudo canta
contestando el colorín,
saltando entre los galanes
tulipanes
del espléndido jardín.

---

Y al rumor de dulce trino
peregrino
de arpa, bella y ruiseñor,
oído prestan atento
agua, viento,
olmo, alcázar, campo y flor.

---

Así la mora decía
y respondía
en la rama el colorín,
y esto el moro la escuchaba
que velaba
receloso en el jardín.

---

Danme el ánimo de un moro
perlas y oro
y coronas en la sién;
¡dime, flor, a mi ventura
y hermosura
lo que falta en el harén!

---

Danme chales los califas
y alcalifas
y guirnaldas en la sién;
¡dime, huerto, a mi ventura
y hermosura
lo que falta en el harén!

---

suben, de l' ĝarden' tra l' plan-
foras kantoj, [toj,
per flugiloj de la vent'.

---

Kaj respondas, kvazaŭ fakto,
je la takto
de la gorĝo, sen deten',
kant' de l' birdo, eĉ ne haltas,
ĉu ĝi saltas
inter floroj de l' ĝarden'.

---

Pro l' terceto, laŭ sonoro,
milda ĥoro
el ŝi, harp' kaj najtingal',
jam akriĝas la atento
de la vento
ulm', palaco, flor' kaj val'.

---

Tiel al maurin' sopiris,
responddiris
tiel kant' de l' najtingal'.
Ĉion ĉe l' ĝarden' la maŭro
kun bedaŭro
aŭdis, vigla pro Fatal'.

---

Por mi jen de l' maŭr' trezoro:
perloj, oro,
la juveloj, diadem'...
Diru, flor', al miaj celo,
ĝoj' kaj belo,
kio mankas ĉe l' harem'?

---

Maŭro donas riĉajn ŝalojn
kaj regalojn,
eĉ girlandojn, al mi mem...
Sed, ĝarden', al miaj celo,
ĝoj' kaj belo,
kio mankas ĉe l' harem'?

---

Danme baños y festines
y jardines
que me mientan el Edén;
¡dime, río, a mi ventura
y hermosura
lo que falta en el harén!

---

Transparentes como espumas
danme plumas
y atan velos a mi sién;
¡ruiseñor, di a mi ventura
y hermosura
lo que falta en el harén!

---

Nada al fin que les dé enojos
ven mis ojos,
nada que arrugue mi sién;
¡dime, luna, a mi ventura
y hermosura
lo que falta en el harén!

---

Llegaba aquí, y una sombra
en la alfombra
la lámpara dibujó;
a su lado en la ventana
la sultana
con el sultán se topó.

---

«Tienes torres—dijo el moro—,
perlas y oro
y guirnaldas en la sién;
dime, hermosa, a tu ventura
y hermosura
lo que falta en el harén.

---

¿Qué hay en el huerto sombrío
y en el río,
y en el aire, y en la flor,

...Donas banojn kaj festenojn,
kaj ĝardenojn
kvazaŭ pri l' Edena tem'...
Sed, river', al miaj celo,
ĝoj' kaj belo,
kio mankas ĉe l' harem'?

---

Kvazaŭ ŝaŭmoj, plumojn donas;
vualzonas
mian kapon: milda prem'...
Najtingal', al miaj celo
ĝoj' kaj belo,
kio mankas ĉe l' harem'?

---

Ja nenio min ĉagrenas,
vidon ĝenas;
pro nenio, fruntotrem'...
Diru, lun', al miaj celo
ĝoj' kaj belo,
kio mankas ĉe l' harem'?

---

Ĵus dirite, silueton
sur tapeton
ŝovis lampo al divan';
apud ŝi jen ombra skizo:
kun surprizo,
ĉe l' fenestro, jen sultan'.

---

«Por vi turoj—diras maŭro—,
perloj, laŭro,
fruntgirlando de mi mem...
Amatin', al viaj celo
ĝoj' kaj belo,
kio mankas ĉe l' harem'?

---

Kio estas ĉe l' aero,
ĉe l' rivero,
ĉe l' ĝardeno, ĉe la flor'...

que al rayar el claro día,
¡vida mía!,
no te traiga tu señor?

Dí, ¿qué falta a tu belleza,
a tu riqueza,
o a tu loca voluntad?»
«Señor, esos ruiseñores
y esas flores
tienen *aire* y *libertad*.»

Kion, je l' tagiĝo klara,
mia kara!,
ne vin donas la sinjor'?

Kio mankas, do, parolu,
kion volu
avideme via kor'?»
«Ha, sinjoro, la *libero*
kaj *aero*
de la najtingal' kaj flor'!

*Hispane verkis:* JOSÉ ZORRILLA
*Esperantigis:* JULIO MANGADA ROSENÖRN

# ENLANDA KRONIKO

*Santander*.—Oni komunikas nin de Santander:

«En la lasta somero ni havis la plezuron akcepti en nia urbo la viziton de kelkaj eksterlandaj samideanoj kiuj havigis al ni la okazon sperti pri la taŭgeco praktika kaj pri la interna ideo de nia kara Esperanto. El nia najbara urbo Bilbao, akompanite de niaj amikoj Elizondo kaj Díaz, la ĉeĥa samideanino Steva Balkova, el Praha, venis por vidi niajn mondfamajn marbordojn kaj la unikaĵon prahistorian, la kavernon de Altamira. Ili restis inter ni tri tagoj, kiuj fortikigis la amikajn rilatojn kun la bilbaoaj samideanoj kaj kreis novajn sincerajn kun la ĉarma fraŭlino.

Invitite de la Internacia Universitato Somera, nia pariza samideano S-ro. Maurice Frechet, eminenta matematikisto, profesoro ĉe Sorbonne de Paris, faris kurson pri alta matematiko en tiu jam tre fama institucio. S-ro. Frechet, ne konante la hispanan lingvon, venis kun kvar familianoj helpe de nia esperanta servo, kiu serĉis al ili konvenan kaj deziratan hotelon. Nia eminenta samideano vizitis nian sidejon je la forveturo por esprimi al ni sian dankemon kaj simpation al Esperanto.

Same nin vizitis niaj simpatiaj samideanoj, la portugalo Vieira kaj la parizano Roland Boschat kiuj trapasis nian lokon.

Ĵus estas komencita ĉe Ateneo Popular la vintra kurso de Esperanto kiun sekvas 40 lernantoj, gvidataj de S-ro. Elvira.»

* * *

*Aguilas* (*Murcia*).—Kelkaj junuloj starigis esperantan grupon (Floridablanca, 16) por klarigi kursojn, kaj intencas organizi Esperantan

Bibliotekon. Por ĉi-tio, ili akceptas danke ĉiujn sendaĵojn de esperantaĵoj (libroj, broŝuroj, gazetoj, prospektoj, k. c.) en aŭ pri Esperanto; ankaŭ komerc-objektoj pri Esperanto.

* * *

*Cádiz.*—Ni legas sur la grava ĵurnalo «Diario de Cádiz» dukolonan artikolon pri la solena inaŭguro de la nova kurso de Esperanto okazinta la 3-an de oktobro ĉe la «Sociedad Esperantista Gaditana» (Cánovas del Castillo, 6) kun multenombra ĉeestantaro. Ni gratulas tieajn samideanojn, precipe S-ro. Oliván pro sia elokventa parolado, kies resumon publikigas la dirita ĵurnalo.

* * *

*Santander.*—Niaj tieaj geamikoj ne povis ankoraŭ komenci la nunkursan propagandon pro la nunaj cirkonstancoj, sed ili komencos en decembro per prelegoj en la lernejoj, disdono de anoncoj, afiŝoj sur la stratanguloj, k. t. p. Antaŭen, tiuj de la Infana Esperantista Grupo!

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Parizo.*—La lasta Pariza Foiro uzis 20 lingvojn por korespondado: unuavice, la francan; duavice, Esperanton; triavice, la anglan, hispanan kaj germanan.

* * *

*Japanujo.*—La elementa lernejo en Ĉirjun enkondukis ekde aprilo 1934 Esperanton kiel devigan lernaĵon por la 7ª kaj 8ª klasoj, en kiuj la infanoj ĝis nun vane studis anglan lingvon.

La dua Konferenco de Tutpacifikaj Junularaj Budaistaj Asocioj en Tokio, Kioto kaj Osaka (18-4 julio) aceptis Esperanton kiel unu el la oficialaj lingvoj.

En la tombejo Isoojisan (Uĵi-Jamada) estis lastatempe starigata unu tomboŝtono, sur kiu oni legas la jenan epitafon en esperanta lingvo:

«*Kuru Takesi, Kuracisto-Esperantisto.*—Naskiĝis la 26-an de novembro 1900 kiel la unua filo de Kuru-Haruô en Udi-Yamada, Mie-prefektejo, kaj mortis la 28-an de aprilo 1934 en Matuzaka, la sama prefektejo, postlasante al sia edzino Yoneko tri filojn kaj unu filinon. Studis en la Imperia Universitato de Tokio, kaj post la gradiĝo esploris patologion. Depost la morto de sia patro estris ĉe la Matuzaka Hospitalo kaj praktikadis ĥirurgion. Ĉiam klopodis por enkonduko de

Esperanto en medicinon. Ĉefaj verkoj estas: Pri ileocekuma tuberkulozo (nefinita). Pri apendicito tuberkuloza izola. Pri tuberkulozo de miomo de utero.»

* * *

*Italujo.* — Jen resumo de la provizora programo por la XXVII^a^ Kongreso:

Sabaton 3^a^ de aŭgusto: en Firenze, oficiala akcepto, malfermo de la Somera Universitato kaj interkonatiga vespero. — Dimanĉon: Diservoj (tagmanĝo en vagono survoje al Roma), preparaj kunvenoj en Roma.—Lundon: solena malfermo de la Kongreso; vespera amuza kunveno.—Mardon: Somera Universitato; komuna fotografado; literatura vespero.—Merkredon: kunsidoj fakaj kaj de U. E. A.—Jaŭdon: eventualaj kunsidoj (tagmanĝo en vagono survoje al Napoli, kaj vizito al Napoli per aŭtomobiloj).—Vendredon: Prelegoj de la Somera Universitato pri Pompei kaj Vesuvo dum la granda kongresa ekskurso. Mara noktofesto.—Sabaton: Fermo de la Kongreso. La punktojn de la programo notitajn inter parentezoj ne rajtigas la kongresa kotizo; ili estas prizorgataj de Turisma Aranĝo «Tra Italio».

Ankaŭ oni preparas kongresan krozadon al Afriko: sabaton 10^a^ de aŭgusto oni enŝipiĝos; dimanĉon, alveno al Siracuso; lundon, al Malta; mardon, al Tripoli, kun ekskurso al oazo kaj tranokto en la dezerto; merkredon, reveno; ĵaŭdon, alveno al Palermo; vendredon, al insulo Elba; sabaton, elŝipiĝo en Génova. Dum la vojaĝo estos prelegoj de la Somera Universitato kaj en Génova, oficiala akcepto.

Neplibonigebla programo!!

Kun la decembra numero ni dissendos al heaanoj hispanan tradukon de la tuta programo.

Jam estas 70 aliĝintoj por la XXVII^a^, nome: 3 anglaj, 4 belgaj, 1 ĉeĥa, 1 dana, 4 estonaj, 17 francaj, 7 germanaj, 1 hinda, 4 hispanaj, 15 italaj, 8 nederlandaj, 2 rusaj, 3 svedaj kaj 2 svisaj.

Oni povas aliĝi al la Kongresa Krozado al Afriko sendepende de la XXVII^a^ Kongreso. Kiu aliĝos antaŭ ol la 31^a^ de januaro partoprenos en *unu sesono* de bileto de la Granda Loterio de Tripoli, ludota dum la printempo de 1935, kies plejgranda premio (por la *sesono* de bileto) estos unu miliono da liroj.

* * *

*Svedujo.*—La 10-an de aŭgusto, okaze de la XXVI^a^ Internacia Kongreso, oni starigis en Stokholm la Maristan Ligon Esperantistan, kiu nun serĉas delegitojn en ĉiu havenurbo, kiuj helpos en sia respektiva loko la propagandon inter maristoj kaj ŝipkonstruistoj. Sekretaria Oficejo: Villa Skogbacka, Kvicksund, Svedujo.

Sveda Internacia Gazetservo (Regeringsgatan, 16, Stokholm) celas diskonigi en Nesvedujo sciindajn faktojn pri Svedio kaj ĝia kulturo. Tiucele ĝi ĉiusemajne dissendas mallongajn artikolojn pri komerco, scienco, industrio, k. c., precipe angle verkitajn. Sed la sukceso de la XXVI[a] Kongreso (kiun tiu Gazetservo helpis) pruvis al ĝi la gravecon de Esperanto kaj de nun ĝi sendos tiun ĉiusemajnan artikolaron ankaŭ en esperanta lingvo. Sveda Internacia Gazetservo petas la publikigon de tradukoj de tiuj artikoloj sur la nacia gazetaro (kompreneble, citante la devenon) kaj sendon al ĝi de eltranĉaĵoj de tiaj tradukoj.

* * *

*Polujo.*—Radiostacioj de Krakow kaj Varsovio disaŭdigos esperantaĵojn preskaŭ ĉiusemajne. Povas esti ke aliaj radiostacioj (kiel Lwow, Katowice, k. t. p.) faros tion ankaŭ. Jen la programo de prelegoj de novembromezo ĝis decembromezo por Krakow: 21-XI, D-ro. Eduardo Ralski, «Plantokulturado en Pollando».—22-XI, D-ro. Odo Bujwid, «Zamenhof kaj lia verko».—29-XI, Prof. Tad. Biliúski, «Pola toleremo kaj pacamo».—III-XII, Tad. Hodakowski, «Esp. radia leterkesto».—12-XII, D-ro. J. Reiss, «Mazurkoj de Chopín». La kvar unuaj prelegoj de 22 h. 45 al 23 h.; la lasta, de 21 h. 30 al 21 h. 40; horo laŭ mezeŭropa tempo. La polaj samideanoj petas vaste diskonigi la programon per naciaj ĵurnaloj, privata propagando, k. c., kaj danki al Polskie Radjo Warszawa, Varsovio.

---

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

*Aganto.*—Monata okpaĝa gazeto 16×23, nur en esperanto. Redakcio, 2 Kudan 3 ĉome, Koĵimaĉi-ku, Tokio, Japanujo. Ĝi celas meti «etajn sed fortikajn brikojn por la konstruo de Esperanta mondliteraturo» kaj li pli deziras «bonan enhavon ol multajn manuskriptojn». Abonprezo: du svisaj frankoj ĉiujare.

*La Mondo.*—Sendependa organo de esperanta movado en Ĉinio. Ni ricevis la numeron 19-20[a] de tiu monata gazeto dulingva, kun ĝia aldono *La Lingvo Scienco*. Redakcio: P. O. Box 274, Shanghai. Jarabono, ses respondkuponoj. Ĝi estas kontraŭimperialisma gazeto kaj celas (kiel *Sennacieca Revuo, Ruĝa Ukrainio, Soveta Kemi-Industrio*, k. c.) solvi la homarajn problemojn per malaperigo de la socialaj klasoj.

*Nia stelo.*—Dumonata organo de la esperanta grupo de Debrecen. Adreso: Vigkedvú, 4. Debrecen (Hungarujo). Jarabono, kvin respond-

kuponoj aŭ du svisaj frankoj. Ĝi publikigas literaturaĵojn kaj novaĵojn pri esperanta movado.

*Hinda Esperantisto.* — Dumonata. Redakcio: Liem Tjong Hie, Semarang, Java insulo. Jarabono, tri svisaj frankoj.

*Esperanto.*—Redakcio: Kokusaigo - Kenkjuŝo. Daita II, 784, Setagaja, Tokio. Kaj *Bona libro estas bona amiko*, redakcio Kudanŝita-Koĉimaĉi, Tokio. Ambaŭ monataj, 23×15'5.

*Kritika Observanto.*—Trimonata revuo politika kaj kultura. Redakcio: International Publishing Co. 2, Malden Crescent, Chalk Farm. Londono N. K. 1. Ĝi enhavas tre interesajn artikolojn, kaj pritraktas la politikajn problemojn de la socialista vidpunkto.

Sur la septembra numero ni recenzis la novan gazeton *La Juna Vivo*. Ni devas aldoni hodiaŭ ke ĉiu esperantisto povas mendi senpagan specimenon de la redakcio West Graftdijk. N. T. Nederlando.

Longan vivon al tiuj gazetoj, ricevitaj de ni unuafoje!

*El Franca Literaturo.*—Dua kajero de la Esperanta Legolibro de Mondliteraturo, eldonita de la Japana Esperanto Instituto (Tokio, Hongo-ku, Motomaĉi).

*Turismo.*—Konstante aperas novaj broŝuroj kaj folioj pri turismo esperante verkitaj. Nunmonate ni ricevis *Tirolo*, gvidfolio kun landkarto fotografaĵoj kaj tre interesaj sciindaĵoj, kaj *Gvidlibro tra la Universitaturbo Tartu*, dudekokpaĝa broŝuro 11×18, kun fotografaĵoj kaj priskribo de tiu estona urbo, kaj lano kaj sciigaj interesaj por la turistoj.

*Marŝalo Jozef Pilsudski.*—53-paĝa libro 14'5×21'5 eldonita de Pola Esperanto Asocio, tradukita de S-ro. Strelczyk el la verko de S-ro. Sierozewski. Ĝi estas biografio de la nuna prezidanto de Polujo tradukita en korekta tre klara stilo.

---

## IO EL ĈIO

### OLLENDORF'A PROBLEMO

Nia samideano Pacienculo klarigas kurson de Esperanto laŭ la antikva metodo de Ollendorf, kun ekzercoj kiel ĉi-tiu: *Ĉu vi estas vegetarano? —Ne, sed mia praavino reedziniĝos morgaŭ.*

Antaŭ kelkaj tagoj li venis ĉe ni kaj nin sciigis ke li ĵus starigis novan grupon kun siaj lernantoj kaj tri el siaj amikoj (S-ro. Petro, S-ro. Johano kaj S-ro. Henriko, samnomuloj de tri el siaj lernantoj), por la postenoj de prezidanto, trezoristo kaj sekretario.

—Ĉu la prezidanto estas S-ro. Petro?—ni demandis. —Ne, sed

lia samnomulo estas blonda. —Bone, sed tiu S-ro. Petro...? —Li estas juna biciklisto kaj ĉiam promenas kun Johano. —Kun kia Johano? —Kun tiu, kiu loĝas en la apuda strato ĉe la samnomulo de la trezoristo. —Sed la nomon de la trezoristo? —Li estas la patro de la blondulo; ambaŭ loĝas en la proksima vilaĝo.

—Ne demandu plu—interrompis nia kalkulisto—; per tiuj detaloj mi jam konas la nomojn de ĉiu komitatano de la societo.

* * *

## UNU VORTO KUN TRI SIGNIFOJ

—Kio ĝi estas? —Metalo.
—Kiu li estas? —Mia amiko.
—Kiom ili estas? —Pli ol kvindek.

* * *

## SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*La sesfoje senfina nombro de solvoj.*—La du numeroj estas A kaj B.

A povas havi kian ajn valoron, escepte en la problemoj $II^a$ kaj $III^a$, en kiuj ĝi devas valori pli ol 1 kaj malpli ol 1 respektive. La valoro de B en ĉia problemo estas: $I^a$, $B=0$ » $II^a$, $B=\frac{A}{A-1}$ » $III^a$, $B=\frac{A^2}{1-A}$ » $IV^a$, $B=\frac{A}{A+1}$ » $V^a$, $B=\frac{A^2}{1+A}$ » $VI^a$, $B=1$.

B ĉiam devas esti la subtrahanto kaj la dividato; se ne, A ne povus havi kian ajn valoron.

*La dioj esperantistaj.*—Medio, kardio, gvardio, tragedio, kompendio, varmoradio, voluptamdio, enciklopedio, grekduondio, cipripedio, Normandio, prozodio, parodio, stadio, radio.

* * *

## BONVOLU ALMENAŬ RIDETI

Oni parolas pri vartado de infanoj.

—Plejbona nutraĵo por infanoj estas elefantina lakto; mi konis etulon, kiu nutrata de tiu lakto plipeziĝis po kvin kilogramoj ĉiusemajne.

—Kia nekredebla troigo! Kiu estis tiu barbaro?

—La ido de la elefantino.

* * *

## KORESPONDADO

*Al kelkaj samideanoj.*—Numeroj januara kaj marta de la nuna jaro de nia gazeto estas elĉerpitaj. Ni ne povas komplezi vin.

* * *

## ATENTU, FILATELISTOJ

Sendu al mi lutajn seriojn de jubileaj aŭ aeraj poŝtmarkoj, kaj mi sendos al vi laŭplaĉe esperantajn insignojn aŭ librojn. Postulu oferton.

Oskar Wilde, Neissegasse 10, Gablonz N. Ĉ. S. R.

* * *

## PARA LOS QUE NOS RECLAMAN LOS PRIMEROS CUADERNOS DE LA «HELPANTA TEMARO»

Estos cuadernos fueron distribuídos a los socios que pagaron sus cuotas para 1934 antes del 15 de diciembre de 1933; ahora se distribuirán los cuadernos siguientes a los socios que paguen su cuota para 1935 antes del 15 de diciembre próximo; pero los socios que hayan perdido los primeros cuadernos, o que por no estar incursos en la primera condición no tengan esos cuadernos, si quieren completar dicha obra habrán de remitir a nuestro tesorero, D. Julián Sosa, calle de Gonzalo de Córdoba, 22, Madrid, 60 céntimos para este fin.

---

Provinca deputito invitis iujn elektintoj tagmanĝi.

Kiam ĉiuj sidas ĉirkaŭante la tablon, servisto rimarkigis, ke ankoraŭ mankis du invitatoj.

—Estas negrave—respondis la deputito—ili estas malinfluaj elektintoj.

Je la desertoj, la servisto, malfermante la pordon, anoncas per potenca voĉo:

—Jen la malinfluaj elektintoj, kiuj mankis, laŭ diro de via moŝto.